Jaro 12 Oktobro 1960 N-ro 7



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE I. F. E. F.

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



L.K.K.-prezidanto Saladrigas dum sia ĉiutaga laboro

## LA 13a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-KONGRESO




BARCELONO Hispanio 6 ĝis 11 majo 1961.

Adreso: 13-a IFEF-kongreso, Estación Termino, R.E.N.F.E. Barcelono.

Kongresejo: Casino del Parque de la Ciudadela.

Bankkonto: 13-a Fervojista Internacia Kongreso de Esperanto, Banco Exterior de Espana, Barcelon, Hispanio.

Protektata de la Sindikata Fako „Educación y Descanso".

### INFORMILO N-RO 1

**Loka Kongresa Komitato (L.K.K.)**
Prezidanto: José Saladrigas.
Vicprezidanto: Leonardo Colás.
Sekretario: Ramón Gimenez.
Helpsekretario: Angel Baquero.
Kasisto: Edmundo Alvarez.
Loĝado: Carlos Virumbrales.
Propagando: Eusebio Barriocanal.
Fervojaj aferoj: Jesús Zarco.
Kongreslibro: Jaime Miró.
Helpantoj: D. Berges, R. Ricou, R. Olivares, S. Cols, J. Margalet, J. Olivares, E. Rucandio kaj J. M. Lasa.

**Postkongresa aranĝo.**
La estraro de HEFA decidis okazigi ĉifoje la nacian kongreson sur la insulo Mallorca, tuj post la IFEF-kongreso.
Pro tio la partoprenintoj en la IFEF-kongreso povos partopreni en la nacia kongreso kaj profiti la avantaĝojn rilate al vojaĝa organizo, loĝado, festoj kaj ekskursoj en la belega „Mediteranea Perlo".
En estontaj informoj ni traktos pli detale la aferon.

**Glumarkoj.**
La L.K.K. eldonis kvarkolorajn glumarkojn, kiujn oni povas akiri en ĉiuj IFEF-sekcioj je malmultekosta prezo.
Ankaŭ oni povas peti ilin rekte al L.K.K. La prezo estas: 3 folio (24 glumarkoj) 1 respondkupono, aŭ 10 folioj por 1 guldeno.

**Kongresaliĝilo.**
La aliĝilo troviĝos en la decembra numero de „Le Internacia Fervojisto".

La L.K.K.

## INFORMO DE LA IFEF-ESTRARO

La kongresproponoj estos presataj en la februara numero de L.I.F. Bonvolu do ensendi viajn proponojn antaŭ la 1-a de januaro 1961. La jarraportojn vi sendu laste en la komenco de marto.

# PROTOKOLO DE LA LABORKUNSIDO

Je la 9.30-a horo la prezidanto kol. De Jong malfermis la kunsidon per kelkaj bonvenigaj vortoj. „Mi povas esti konciza", li diris, „car ĉeestas preskaŭ nur la delegitoj, kiujn mi jam detale informis pri la irado de nia federacio dum la delegitara kunveno. Estas bedaŭrinde ke la membroj ne sentas la bezonon viziti la laborkunsidojn. Aŭ ĉu ili erare opinias ke ankaŭ la ĝenerala kunveno estas nur por la delegitoj? La ĉeestantaro en la laborkunsidoj ĉiujare varias, sed tamen konstanta kerno ĉiam ĉeestas. Tamen multaj tre fidelaj amikoj, jam de kelkaj jaroj mankas kiel sekvo de pensiiĝo aŭ malbona sanstato. Kaj hodiaŭ por la unuafojo ankaŭ mankas nia amiko Bürger, kiu kun sia afabla edzino estis fidelaj partoprenantoj en la laboroj de niaj kongresoj.
Krom la malnovaj estraranoj Stapel, Biesheuvel kaj Drijfhout, mankas hodiaŭ eĉ nia sekretario Jan Lok! Iliajn sincerajn salutojn kaj bondezirojn mi volonte transdonas al vi. La foresto de tiuj fidelaj geamikoj estas malagrabla, sed dolorige estas ke mi devas mencii la morton de tri fervoraj membroj, nome: Ludwig Rametsteiner el Linz, E. Nordin el Stokholmo kaj P. Schuin el Amsterdam. Por memori ilin mi petas momente leviĝi de viaj seĝoj.
Apud ĉi tiuj dolorigaj konstatoj mi povas feliĉe mencii la ĝojigan fakton, ke post grava malsano revenis en nia mezo nia plej estimata Elvira Kruse, kies laboro estas de netaksebla valoro, *kaj* por GEFA, *kaj* por IFEF. Mi tutkore bonvenigas sinjorinon Kruse en ĉi tiu kunveno. Feliĉe atingis nin la sciigo ke ankaŭ nia estimata amiko inĝeniero Tschom, kiu eĉ el malsanulejo gvidis la movadon, resaniĝis. Al aliaj malsanuloj: Braendstrup, Fisker kaj Elsa Krogh, mi deziras baldaŭan resaniĝon.
Kaj nun ni transiru al la dua punkto de la tagordo, la elekto de protokolisto. Ŝajnas al mi bone ke nia dua sekretario protokolas."
Post tio la prezidanto voĉlegis la envenintajn salutleterojn kaj -telegramojn. Inter ili estis telegramo de la Hallsberga grupo, salutkartoj de membroj el Bologno, Jugoslavio, Varsovio, Kolonjo, Dortmund, Sulzbach kaj Saragossa. Ankaŭ salutoj de la s-roj Catenna el Bologno kaj Theo Jung la redaktoro de „Heroldo". Dekjara knabino el Germanio ankaŭ skribe salutis la kongreson, petante samtempe pri korespondantino.
Rimarkojn pri la protokolo de la Linza kongreso havis nur unu delegito. Temis pri eta eraro en la teksto.
Sekvis la pritrakto de la jarraportoj. Tiujn de la sekretario kaj kasisto oni sendiskute aprobis, sed pri tiu de la redaktoro oni havis kelkajn rimarkojn. Kol. Giessner diris ke feriaj anoncoj kaj radio-informoj forrabas tro multe da spaco en nia organo. Estus pli bone ke ni presigus pli da informoj rilate nian movadon. Ankaŭ pri la rubriko „Lingvaj Demandoj" li ne estas tute kontenta. Laŭ li oni ne devas skribi daŭre pri unu esprimo, sed miksi per alia temo. Nur unu temo fariĝas monotona. Kaj kial estas tiom da blankaj makuloj sur la paĝoj?
La redaktoro respondis, ke li enpresigis la programojn de la feriosemajnoj en Herzberg kaj Zwolle, ĉar estas niaj propraj sekcioj, kiuj organizas ilin. Nia organo estas de, kaj por la membroj, do ili rajtas uzi ĝin. La anoncon de kastelo „Grésillon" li enpresigis entute, ĉar ĝi estis koncize kompilita. Krom tio, esperantistoj devas helpi unu la alian. Por la rubriko „Lingvaj Demandoj" li ricevis plurajn leterojn, ĉiuj pri la sama temo, do li ne povis varii. La „blankaj makuloj" inter la diversaj artikoloj estas malfacile evitablaj. La kopio ne ĉiam konformas al la disponebla spaco.
Kol. Giessner klarigas, ke li aludas la blankajn lokojn post mallongaj linioj, ekz. kiel la kongresa informilo en la aprila numero.
La redaktoro respondas ke li ne ŝatas kunpremi la liniojn, ĉar tio malfaciligas fluan legadon, sed eble du-kolonaj paĝoj pli kontentigos.
Kol. Ritterspach diris pri la „Lingvaj Demandoj" ke la redaktoro finis la pritraktadon de la temo „vagonaro-trajno", sed pli bone estus, lasi tiun decidon al la Terminara Komitato, ĉar ja temas pri termino.
Li rekomendas presigi la paĝojn en L.I.F. en du kolonoj.
Responde la redaktoro diris ke li jam menciis en L.I.F. ke la findecido de iu temo en la koncerna rubriko estas en la manoj de kompetentuloj. Ĉar jam tri kompetentuloj, inter kiuj la gvidanto de la Terminara Komitato, diris sian opinion, li opiniis la temon sufiĉe diskutata, kaj do finis ĝin. Li tamen konsentas transdoni la temojn koncernantajn „terminoj" al la T.K.

La kol. Giessner kaj Greutert rekomendas eldoni nian organon laŭ „Din"-formato, kiu estas pli uzebla, kaj numerigi ilin laŭ kalendara jaro.
La IFEF-prezidanto respondas ke al li la formato kaj litertipo plaĉas. Numerigo laŭ kalendara jaro estas bona ideo. Ni do komencu la unuan numeron de 1961 per numero 1. Ĝis nun ni ĉiam komencis per la oktobra numero, ĉar en tiu monato en la jaro 1948 aperis nia unua stencilita organo.
La sekvinta punkto de la tagordo estis la pritrakto de la *kongresproponoj*.
La unua estis sendiskute akceptata, do la kotizo restas la sama.
Pri la dua propono: „Le ebleco esplori ke la landaj sekcioj luu spacon en la fervojaj Horaroj", s-ino Lemonnier rakontis al ni, ke la franca sekcio estas preta anonci esperantlingve en la horaro.
Kol. Geroldinger menciis la multajn klopodojn, kiujn la aŭstria sekcio faris. Eble ili sukcesos persvadi la Direkcion.
Kol. Christoffersen diris ke la dana Direkcio malakceptis ilian peton. La anoncado bedaŭrinde estas tro multekosta afero por la malgranda sekcio en Danlando.
Kol. Van Leeuwen diris ke la nederlanda sekcio jam ofte klopodis pri esperantlingva klarigo en la horaro, sed ĝis nun ili ne sukcesis. Ankaŭ por ili la anoncado estas tro multekosta.
Kol. Giessner rekomendis ke la landaj sekcioj tamen pripensu la eblecon pri presigado unufoje, ĉar kliŝo povas esti uzata ĉiam, do por sekvanta fojo la kostoj estas malpli.
Pri la tria propono: „Manikobendoj" diris kol. Buha, ke li havas la saman ideon, nur sen manikobendoj. Li preferas insignon.
Kol. Geroldinger montris al la kunveno metalan modelon de ŝildo kun la vorto „Esperanto".
S-ino Lemonnier diris ke la franca sekcio unue volas esplori neoficiale la eblecon pri la rekonada per bendo sur la maniko.
Kol. Van Leeuwen diris ke la nederlandaj konduktoroj jam rajtas porti la esperantan insignon sur siaj uniformoj.
Plej grave estas, diris kol. Giessner, ke ne nur esperantistoj, sed ankaŭ ne-esperantistoj rekonu nin. Pro tio GEFA faris la proponon. Ĉar neniu estis kontraŭ la ideo de pli okulfrapa rekonilo, la propono estis konsiderata akceptita.
Rilate la kvaran propono, la prezidanto unue klarigis la nunan ekspedmanieron de nia organo. Ni esploris sendadon rekte al la membroj, sed la kostoj montriĝis pli altaj ol tiu de la nuna maniero.
Kol. Greutert diris ke al li ŝajnas ke nur la kostoj plialtiĝos, sed ke la laboro restos la sama.
S-ino Lemonnier diris ke la franca sekcio ĉiam devis pagi la frajtkostojn de la stacidomo al la destinita adreso. Tial ŝi opiniis rektan sendadon pli malkara. Sed ĉar neniu delegito subtenis ŝin, ŝi reprenis la proponon.
Pri la kvina propono: „La funebra titolbildo de nia organo" la prezidanto diris, ke jam en la estrara- kaj delegitara kunveno ni priparolis tiun punkton. Tie ni decidis ke ni petu al kelkaj membroj, kiuj havas desegnotalenton, skizi novan bultenkapon.
Kol. Giessner demandis ĉu ankaŭ la bildo de la frontpaĝo estas en la propono, sed la prezidanto respondis ke nur temas pri la parto super la bildo. Ĉar neniu plu havis rimarkojn, la propono pri desegno de nova titolbildo estis akceptata.
La sesan proponon: „IFEF faru referendumon ktp" s-ino Lemonnier klarigis. La ideo estas, ke la diversaj rubrikoj, informoj ktp, estu ĉiam sur la sama loko en L.I.F.
La redaktoro respondis ke la aranĝo de la artikoloj ne ĉiam povas esti la sama. Tio dependas de la nombro da paĝoj kaj la disponeblaj artikoloj. Post ioma diskutado pri la maniero de „referendumo", oni, laŭ instigo de kol. Sekeres, decidis transdoni la aferon al la Redaktoro Komitato.
Sekvis la sepa propono: „Ni aldonu al la IFEF-regularo ktp".
Kol. Barks opinias la ideon bona. Li volas subteni la proponon.
Kol. Van Leeuwen havis alian opinion. Tiu ĉi propono ne devos esti fiksata en la regularo. Devas esti granda escepto kiam membro estos elektata kiel honora membro. Kol. Geroldinger konsentas pri la unua punkto de la propono, sed la alia punkto (senpaga kongreskarto) dependu de la L.K.K.
Kol. Christoffersen diris ke la dana sekcio aprobis la pronon entute. Kol. Giessner rimarkis ke tiu grava punkto vere estas IFEF-estrara afero, ĉar temas pri IFEF-financoj. Li estas nek kontraŭ, nek por.

La prezidanto diris ke elekto per kongresa decido ne ŝajnas al li tre agrabla. Li rekomendas aldoni al la lasta frazo de la parto XY en la propono la vortojn: „Post konsento de la IFEF-estraro".
Kol. Greutert deziris ke nur la IFEF-estraro proponu honorajn membrojn.
Pro tio la prezidanto rekomendis ŝanĝi la lastajn vortojn de la frazo. Do: „La elekto okazas per kongresa decido je propono de la IFEF-estraro. Akceptita kun unu landa sekcio kontraŭ.
La okan proponon: „IFEF eldonu adresaron" komentis kol. Saladriges. Estas la celo ke IFEF zorgu por la eldonado.
La prezidanto respondis ke 64-paĝa adresaro en eldono de 2400 ekzempleroj postulas preskaŭ la duonon de niaj jarenspezoj, kaj tion IFEF ne povas permesi al si. Krom tio, adresaro baldaŭ senvaloriĝas pro la oftaj ŝanĝoj. La kompilado ankaŭ donus tre multe da laboro, kaj al IFEF, kaj al la landaj sekcioj. Ĉar la plimulto estis kontraŭ, la propono estis malakceptata.
Punkto 7 koncernis la estrarelekton. Ĉar ĉiuj estraranoj pretis resti, ili aklame estis reelektataj.
En la kaskontrola komitato estis elektata kol. Becker el Amsterdam. Ĝi do nun konsistas el la kol. Stapel, Vermaak kaj Becker.
La konflikta komitato, konsistanta el la kol. Hartjen, Bouwkamp kaj Thorsted, ne ŝanĝiĝis. La prez. deziris al ĝi daŭran senlaborecon.
Laŭ invito de la hispanaj kolegoj ni kongresos en 1961 en Barcelona de la 6-a ĝis la 11-a de majo.
Provizora kongreslando en 1962 estas Hungario.
La prezidanto dankas ambaŭ invitintojn kaj esperas ke ankaŭ tiuj kongresoj estos multe vizitataj kaj fruktedonaj.
Antaŭ ol transiri al la libera diskutado, la prezidanto diris ion pri la Korresponda Servo en L.I.F. Ĝi nekontentige funkcias pro manko de sufiĉaj korespondpetantoj. Lau li ne estas bone konservi instancon kiu ne havas laboron (escepte de la konflikta komitato), do li rekomendas likvidi ĝin. Post ioma diskutado la kongreso konsentis, do la Koresponda Servo ne plu ekzistas.
En la libera diskutado kol. Buha atentigas pri la feriosemajnoj en sia lando kaj rekomendas partopreni ilin, ĉar Jugoslavio estas tre bela.
Kol. v. d. Schulp el Nederlando mencias la belan sferon en la kongreso. Li demandas al la kongresanoj, ĉu estas ĝuste organizi ekskursojn dum la laborkunsidoj. Tio ŝajnas stranga al li, ĉar la kunvenoj estas instruaj.
Kol. Giessner dankas la L.K.K. pro la bona aranĝo. Li rekomendas okazigi dum laborkunsidoj nur ekskursoj por virinoj. Li ankaŭ donas sugestojn por la fakprelegoj en Barcelono. Krome li instigas aĉeti Esp-gramafondiskojn.
Kol. Kovacic diras, ke estas la plej grave ke oni ĉiam dum la kongreso parolu esperantlingve. Li ofte aŭdis „krokodili" dum ekskursoj.
Kol. Pisarov el Bulgario alvokas la orient-eŭropajn fervojistojn fervore propagandi por IFEF, por ke ankaŭ tie nia movado kresku.
Kol. Narvala, la L.K.K.-prezidanto dankas la estraron pro la bona kunlaboro.
La prezidanto de IFEF respondis, ke ne la L.K.K., sed la kongreso ŝuldas dankon pro ĉio, kion la L.K.K. faris por sukcesigi nian 12-an kongreson. Pri la ekskursoj dum la laborkunsidoj li diris, ke jam en antaŭaj kongresoj ni decidis, ke ili estu nur por virinoj. Sed estas malfacile malpermesi al viroj la partoprenadon, ĉar la plej multaj edzinoj ne scias Esperanton kaj pro tio bezonas sian edzon kiel interpretiston.
Li fermas la laborkunsidon, dankante ĉiujn por ilia ĉeesto, kaj esperas ke ni ĉiuj revidos unu la alian en Barcelona.

Protokolis Jan P.



## EL LA SEKCIOJ

### Aŭstrio

La partoprenintoj de la 9-a IFEF-kongreso en Rijeka certe bone memoras la unikan Fervojistan Danc- kaj Muziksocieton. Sian altnivelon ĝi pruvis per siaj ĉiujaraj koncertvojaĝoj tra tuta Eŭropo.
Ĉijare ili estas en Okcident-Germanio kaj ĉar inter ili troviĝas 12 esperantistoj, ili sukcesis, helpe de la aŭstriaj esperantistoj, interrompi sian vojaĝon en Wien, Linz kaj Salzburg. La Sindikato (Laborista Ĉambro Linz) eĉ transprenis koncertarangon en Super Aŭstrio.
La grupo kun ampleksa pakaĵo alvenis rekte de Sarajevo en Wien Sud, kie ili estis salutataj de nia federacia estro Inĝ. Eichinger. Kol. Hawla transprenis la transporton de la pakaĵo al la Okcidenta stacio kaj la gvidadon en Wien. Samtage vespere ili alvenis en Linz kaj estis atendataj de Linzaj esperantistoj en klubejo. Kvankam la salono estis plenplena, ili montris kelkajn jugoslavajn dancojn, muzikis kaj kantis esp-lingve. La postan tagon ili estis bone akceptataj kaj gastigataj de la sindikato Linz. Kol. Liga Kons. Thanhofer salutis ilin kaj post komuna fotografado la grupo ekmarŝis, nacie vestita, tra la urbo al la urbdomo kie la urbestro Liga Kons. D-ro Koref afable akceptis ilin. Post refreŝigo en la urba kelero oni venigis la grupon per aŭtobusoj al Aschach. Tie la sindikato aranĝis du prezentadojn por la tieaj 900 laboristoj de la grand-danuba elektra uzino. Posttagmeze ili donis prezentadon por nokt-laboristoj. Ĉeestis multaj honorgastoj, inter kiuj ankaŭ la prezidanto de la Laborista Ĉambro Linz. Sub la lum-reflektoro la prezentado estis tre efektplena, speciale kiam la baleto (ĉarmaj knabinoj) dancis en sia nacia kostumo, la ĉeestantoj sentis sin kvazaŭ en „1001 noktoj" kaj longdaŭre aplaŭdis. Sed ankaŭ la muzikistoj kaj kantistoj rikoltis grandan aplaŭdon en tiuj du horoj.
La sekvantan tagon ili devis daŭrigi sian vojaĝon al Germanio, ne havante eblecon doni publikan prezentadon en Linz. Ĉar ni povas atesti ke tiu ĉi societo estas altnivela, ni esperas aranĝi por ili venontjare plurajn prezentadojn eble en Wien, Linz, Salzburg kaj aliaj lokoj. Oni devas esti vidintaj ilin. En Linz la grupo estis gvidita de s-ano Bürger, al Aschbach kaj al Salzburg akompanis s-ano Angermayr la grupon.
En Salzburg la jugoslavaj geamikoj estis akceptataj de kol. Seifried en la nomo de la sindikato kaj fervojista muziksocieto. En la nomo de esperantistoj kol. Huber salutis ilin. Lerneja direktoro s-ano Fötinger transprenis la urbgvidadon. Ĉe la audiaŭo post mallonga restado en Salzburg diris s-ano Kazazic Enes, ke li per tiu modela organizo de la aŭstriaj esperantistoj, gajnis novajn anojn de sia societo, kiuj promesis al li eklerni esperanton. Ĉar la vojaĝo tra Aŭstrio estis organizita per la s-anoj Kazazic Enes (Serajevo) kaj L. Angermayr (Linz), la prezidanto Puzic transdonis al s-ano Angermyr en solena maniero donacon de Serajevo.

### Nederlando

La 15-an kaj 16-an de septembro okazis la jarkunveno de FERN en la urbo Groningen. Kvankam tiu urbo situas en la norda parto de nia lando, kio do kaŭzigis konsiderinde longan vojaĝon por la plej multaj membroj, la kongreso tamen estis kontentige vizitata.
La unuan tagon ni ekskursis per aŭtobuso tra kaj ekster la urbo. Interalie ni vizitis muzeon, en kiu troviĝas ĉiaspecaj veturiloj uzitaj en pasintaj jarcentoj.

La plej interesa estis la poŝtkaleŝo, per kiu la homoj vojaĝis antaŭ la fervoja tempo. Ni, homoj de la moderna tempo, kiuj rapidecon 125 kmh trovas ion tute ordinara, ne povas imagi al ni kiel niaj pratempuloj povis elteni la ofte tagajnlongan veturadon en tiuj malrapidaj transportiloj.
En la vespero kol. Becker montris al ni diaojn pri sia vojaĝo al Hispanio. Ili estis tre interesaj, despli ĉar en tiu lando okazos nia venontjara IFEF-kongreso, pro kio ni do jam antaŭĝuis tiun vojaĝon.
Kol. Becker elokvente klarigis la bildojn, miksante sian paroladon per propagandaj vortoj.
FERN-prezidanto kol. Labordus skizis la celon de la Esperantistoj kaj instigis la ne-esperantistojn al partopreno en kurso.
Li laŭdis la L.K.K. por la bona aranĝo de la kongreso kaj direktis sian specialan dankon al la ne-fervojistaj samideanoj en Groningen, kiuj malavare helpis la nur kelkajn L.K.K.-anojn en la prepara laboro kaj la ekskurso.
En la laborkunsido kiu okazis la postan tagon, ni priparolis diversajn organizajn aferojn, inter kiuj la propagando kaj varbado estis la plej gravaj. Estas malfacile en la nuna tempo, plena de distraĵoj, persvadi la homojn al serioza studado kaj sindediĉo al movado idealista.
Tamen la estraro restas optimisma kaj persiste daŭrigos sian laboron por disvastigi la Zamenhofan lingvon inter la fervojistoj. Kaj el la vortoj de la kongresanoj ni povis konkludi ke ankaŭ ili donos ĉiujn siajn fortojn por pligrandigi nian organizon.

## LA LEGANTOJ PAROLAS

En L.I.F. n-ro 5/60 oni denove povas legi novan opinion pri „TRAJNO-VAGONARO". Ŝajnas al mi, kvazaŭ kol. Carlsen vere iom tro forte simpligas la problemon, kiel li ja mem konfesas.
La Internacia Lingvo estas lingvo bazanta sur la Fundamento de Zamenhof. Oni do devas konsideri ne nur unuflankajn vidpunktojn praktikajn — mi citas la vorton „destinita" el la skribaĵo de Carlsen — sed ankaŭ la neevitablajn principojn lingvajn, pri kiuj oni povis legi en L.I.F. n-ro 3/60 p. 12. Tamen kol. Carlsen komence estas prava dubante, ke la diskuto vere povas esti konsiderata kiel finita. Ankaŭ mi dubas kaj petas la redakcion, doni nun la finvortojn al kompetentulo el la Terminara Komitato. Giessner, Germanio

*Noto de la red.*

*En la laborkunsido de nia lasta kongreso ni decidis ke temoj el la rubriko „Lingvaj Demandoj" koncernantaj „Terminojn" estos pritraktataj de la Terminara Komitato. Sekve de tio mi petas al kol. Ritterspach transpreni, kaj se eble, finigi la diskuton pri „TRAJNO-VAGONARO".*

## EL LA REDAKTEJO

Pro oportunecaj motivoj ni decidis komenci la numerigon de la „Internacia Fervojisto" ĉiam ekde la kalendara jaro. Tial la oktobra kaj decembra eldonoj ricevos la numerojn 7, resp. 8.
Por kontentigi la deziron de diversaj IFEF-anoj por ebligi al la landaj sekcioj pligrandigi la eldonkvanton de siaj gazetoj, mi petas al ĉiuj, kiuj deziras interŝanĝi la gazetojn, informilojn, bultenojn ktp, informi pri tio la IFEF-redakcion, aŭ sian landan redaktoron.

## 5-a INTERNACIA ART-EKSPOZICIO DE FERVOJISTOJ EN BUDAPEST

La solena malfermo de tiu ekspozicio okazis la 30-an de julio en la Art-domo de Budapest, fare de la vicministro por trafiko kaj poŝto s-ro Csanadi Georgo, kies hungarlingva prelego tuj estis tradukita en la francan, germanan kaj rusan lingvojn.

En la ekspozicio partoprenis 15 landoj kun entute 697 artaĵoj: akvareloj, oleo-pentraĵoj, desegnaĵoj, keramiko, skulpturo ktp.

Multaj imponaj premioj estis donataj. La oran medalon de FISAIC gajnis la hungaroj, kaj arĝentan la francoj. Post la disdono de la premioj parolis ankaŭ la prezidanto de FISAIC s-ro M. Mollion, kies parolo estis tradukita en diversajn lingvojn. Post la solena malfermo okazis rondveturado en la urbo, vizito al la pionira fervojo, kiu estas regata de geknaboj. En la vespero okazis prezentado de kanthoro, popoldancoj kaj solkantado de sinjorino kaj sinjoro. Mi supozis ilin esti opero-kantistoj, tiel bele ili kantas, sed ili estas amatoroj fervojistaj.

La hungaraj gekolegoj bonege akceptis kaj gastigis nin, kvazaŭ ni estus etaj reĝoj. Sed ni esperantistoj tuj konstatis la bezonon de Esperanto en la aranĝoj de FISAIC, ne nur ĉe la ekspozicioj, sed ankaŭ en la kontaktoj inter la diversaj landoj. Mi persone aplikis Esperanton kiel kontaktilon kun la ekspozicio-komitato kaj ciam ricevis respondon en Esperanto. Ĉar mi estis la sola esperantisto inter la reprezentantoj, mi restis kelkajn tagojn pli longe kiel gasto de niaj hungaraj gekolegoj.

Por ke mi ĝuu la restadon plej bone, nia konata amiko D-ro Bacskai petis amikon Ŝimono Ĉora, la redaktoron de „Hungara Fervojisto Mondo" akompani min, kaj plurfoje ankaŭ D-ro Bacskai partoprenis. Kaŭze de tio mi vidis kaj travivis multe pli ol la ne-esperantistaj kolegoj. Ekz. mi vidis noktan sanatorion, resanigejon establitan en la malnova kastelo Ráday Kastély, plurcentjara konstruaĵo, kiu enhavas multe da belaj freskoj. Sed tio, kio pleje surprizis min tie, estis, ke pluraj el la kuracistoj, la direktoro kaj aliaj, bone parolis Esperanton. En la kelo ni trovis Esperanto-muzeon kun ampleksa kolekto, kunigita de ununura persono, la 88-jara eksfervojisto Teodoro Kovacs, kiu donacis ĉion al la sanatorio kiel dankon, ĉar lia vivo estas savita pri fojojn en la sanatorio.

Mi vizitis ankaŭ alian sanatorion por pulmmalsanuloj. Tre moderna konstruaĵo, situanta en alta regiono kaj enhavanta la plej modernajn instalaĵojn, bezonatajn por ekzamenado de la malsanuloj kaj operaciado. Krome mi vizitis ankaŭ privatajn hejmojn kaj kontaktis kun multe da samideanoj, kiuj min traktis kvazaŭ mi estus familiano.

Fine mi konkludas, ke la akcepto de la IFEF-kongreso en 1962 nepre fariĝos altranga kaj bonorganizata afero, kaj tial rekomendinda por partopreni. Kaj finfine mi instigas al la organizoj en FISAIC, ke ili pli kaj pli apliku Esperanton. Mi rekomendis tion al la aliaj reprezentantoj, kiuj partoprenis la solenan malfermon de tiu 5-a artekspozicio de fervojistoj, kaj ili fakte ĉiuj konstatis la bezonon de nia lingvo. Kelkaj eĉ promesis lerni ĝin por denove veni el Budapest en 1962.

Jico.

## LA TRAFIKMUZEO EN NÜRNBERG

Preskaŭ ĉiu vizitanto de Nürnberg vizitas la kastelon en kiu estas la Germania Nacia Muzeo, kaj la domon de la bonfama pentristo Dürer — por nomi nur kelkajn vidindaĵojn. Sed ne multaj scias, ke proksime de la ĉefstacidomo troviĝas muzeo unika de sia speco en Germanujo. Ĝi estas gvidata de la Germana Federacia Fervojo.

La teretaĝa salonego enhavas la maŝinojn, precipe vapormaŝinojn kaj vaporpumpilojn uzitajn dum la pasintaj cent jaroj. Ekz. starantan sojlan vapormaŝinon el la jaro 1863. Alia estas moviga maŝino konstruita en 1878 por la boato „Maria" sur la Ammer-lago. La unuopaj maŝinoj staras sur masonitaj bazoj kaj informas per anonciloj pri la konstrujaro, la liverfirmao kaj aliaj teknikaj datoj. Por la laikoj kaj ne-teknikistoj pli interesa estas la granda halo kun la veturiloj. Antaŭ la enirejo oni vidas en apartaj kestoj biletojn kaj liberbiletojn de la 1-a, 2-a kaj 3-a klasoj, validajn por la unua fervojo inter Nürnberg kaj Fürth, krome akciojn de la Reĝo Ludoviko Fervoja Kompanio en Nürnberg po 100 guldenoj, samkiel memormonerojn kaj medalojn el la jaroj 1835 kaj 1935. La granda halo allogas el duobla vidpunkto:

1) Preciza kopio de la unua fervojo kun tri personvagonoj (1-a, 2-a kaj 3-a klaso), de la vaporlokomotivo „Aglo" kaj de la unuaj frajtaĵoj (du bareloj de biero).

2) La kolorriĉa iam bavara kortega vagonaro de la konata reĝo Ludoviko II, konstruita en la jaroj 1860—1865.

   Ĝi konsistas el terasa vagono, sur kiu la reĝo ĝuis la pejzaĝon, kaj de pompa salonvagono subdividita en kvar salonoj: tojleto kaj lavejo, loĝ-ĉambro, en kiu ĉiu koloro de la tapetoj kaj meblaj ŝtofoj diferencas. La baza blukoloro de ambaŭ vagonoj bonege harmonias kun la oro de la bavara reĝa blazono. Krome troviĝas en tiu halo la salonvagono de la regna kanceliero princo Bismarck kaj diversspecaj lokomotivoj konstruitaj siatempe por la Bavaraj Ŝtatfervojoj.

La t.n. malgranda halo tuj aliĝas. Ĝi enhavas kelkajn malgrandajn lokomotivojn sekciitajn, t.e. ili montras la internon (kaldronon, flamigilon, movigilon ktp). Aparta strangaĵo estas la „vaporĉaro" el ligno konstruita en 1770 per la franca inĝeniero Cugnot. Per siaj longaj, lignaj traboj ĝi aspektas kvazaŭ prahistoria monstraĵo, kiu hazarde estas starigita inter la modernaj lokomotivoj. Temas pri la unua provo movigi veturilon per vaporo.

La modelsalonego montras al la vizitantoj dekojn da elektraj kaj vaporaj lokomotivoj, motorvagonoj, frajt- kaj pasaĝervagonoj en la skalo 1 : 10. Oni ricevas bonegan superrigardon pri la evoluo de la relveturiloj, ĉu temas pri la unuaj lokomotivoj kun propraj nomoj, ĉu pri la giganta moderna ekspreslokomotivo el la nuntempo. La interesigita fakulo povas informi sin pere de anonciloj pri la plej gravaj detaloj, ekz. konstrujaro, liverfirmao, pezo, nombro kaj speco de la aksoj, provizoj por akvo kaj karbo, maksima rapideco, tirkapableco, bremsmaniero kaj speco de la radoj, ktp.

En la unua etaĝo situas la aliaj salonoj. La muzea biblioteko enhavas pli ol 18000 da libroj pri la fervojo kaj ĝenerala trafiko. La modelsalono montras i.a. arganon, riparejon, karboprovizejon, la unuan fervojan ponton el fero kaj

tunelkonstruaĵojn. Precipe allogas modelo de la fervojo en la Nigra Arbaro inter Hornberg kaj Sommerau, kie sur multaj deklivoj inter la montoj trafikas elektra trajno.

Nun oni venas al la Reĝa Salono konservita el la iama ĉefstacidomo de Nürnberg. Ĝi estas konstruita en la gotika stilo. El la interna meblaro restis post la dua mondmilito nur malmultaj pecoj.

En la dua etaĝo troviĝas la poŝta sekcio. La unua salono montras telegrafajn instalaĵojn, inter ili la unuan Morse-telegrafaparaton el la jaro 1835.

La dua salono enhavas precipe poŝtkaleŝojn el la pasinta jarcento, lignajn leterkestojn, ŝtampilojn kaj bildojn de diversaj poŝtuniformoj.

La tria kaj lasta salono povas esti taksata kiel la plej valora el la tuta muzeo, ĉar troviĝas tie ne malpli ol 40.000 poŝtmarkoj ĝis la jaro 1927 ordigitaj laŭ kontinentoj kaj landoj en 752 tirkestoj.

*Resume tradukis el „Das Sozialblatt"*

W. Barnickel.

## ITALA ESPERANTO-PIONIRO 80-JARAĜA

La famkonata esperantisto, Lia Ekscelenca Moŝto Advokato Raffaelo Bagnulo, festis la 29-an de majo 1960 sian 80-jaran naskiĝdatrevenon.

Mi ĝoje skribas ĉi tiun anoncon, ne nur pro la fakto ke S-ro Bagnulo atingis tiel altan aĝon en sano, sed ĉar li estas persono kiu, jen en sia publika vivo, jen en la esperantista medio ĉiam grave elstaris.

Jam kiel juna viro S-ro Bagnulo konatiĝis kun Esperanto en Napolo. Dum la 1-a Universala Kongreso en Boulogno sur Mer en 1905 oni elektis lin en la tiam ĵus fondita Lingva Komitato. Post tiu okazintaĵo li estis en daŭra korespondado kun D-ro Zamenhof. Intertempe li vigle partoprenis la nacian esperanto-movadon. Jam en 1904 li fondis en Napolo la esperanto-gazeton nomitan komence „L'Esperantista" kaj pli poste „Gefrataro Esperanta". Li estis la unua delegito de Universala Esperanto-Asocio en Napolo, kie li gvidis la unuan Esperanton-kurson por liceaj kaj universitataj studentoj. Fondinto de la Napola Esperanto- Grupo dum la jaroj 1906-'07 lia propagando favore al „Linguo Internacia" atingis rimarkindan nivelon pere de paroladoj, kursoj kaj artikoloj. En Firenze li partoprenis la starigon de Itala Esperanto-Federacio en 1910. Dum tiu jaro li eniris en la Ŝtatan Advokataron, kie li atingis la plej altajn rangojn, sed li tamen daŭre propagandis Esperanton.

Post sia emeritiĝo Adv. Bagnulo sin tute dediĉis al la Esperanto-movado. Li estas internacie konata pro sia grava iniciato por la „Internacia tago memoriga de la Universaleco de la Kulturo", kiu ricevis aprobon kaj apogon de UNESCO kaj de la plej elstaraj altranguloj de la Kulturo. La Itala Fervojista Esperanto-Asocio, kiu havas inter siaj Honoraj Membroj S-ron Bagnulo, tutkore gratulas lin pro lia festo kaj pro lia alta merito en la Esperanto-movado.

Ĝi deziras por li ankoraŭ multajn jarojn en plena saneco, kaj esperas ke li povos ankoraŭ longdaŭrigi siajn rimarkindajn iniciatojn por la plua disvastigado kaj plifirmigo de nia lingvo kaj de nia idealo.

(Koncizigita de la red.) Ĝimelli Germano

## EKDE 1963 NOVA VOJO AL SKANDINAVIO

Ĝis la dua mondmilito estis, por la trafiko kun Skandinavio, kutime tri vojaĝvojoj. En direkto Svedia estis je dispono la pramŝipo Sassnitz—Trelleborg; al Danujo kondukis la vojoj (Berlin—)Warnemünde—Gedser kaj (Hamburg—Flensburg—)Nyborg—Korsør.

Tute novaj cirkonstancoj rezultis post la mondmilito, ĉar pro la apartigo de Orientgermanujo, restis nur la lastmenciita vojaĝvojo. Por eviti tiun grandan vojaĝplilongigon, aranĝis la Germana Federacia Fervojo pramhavenon en la ĝistiam nekonata Grossenbrode kaj kune kun la Danaj Ŝtafervojo pramservon inter Grossenbode—Gedser. Malgraŭ tio oni devis akcepti la malavantaĝon de la longa transveturo (69 km; 3 horojn vojaĝtempo).
La du fervojoj decidis pro tio, per la konstruo de nova linio malplilongigi la vojaĝon al Skandinavio. La nova ,,birdfulglinio" — nomita laŭ la vojo, kiun ekiras la migrantaj birdoj kiuj ĉiam — transiras la ,,Fehmarn-Belt" ĉe tiu loko, kie pleje alproksimiĝas Germanujo kaj Danlando. De Grossenbrode ĝis la nova haveno Puttgarden estas necesa la konstruo de unutraka fervojlinio. Tiu linio transiros unue sur 964 m longa ponto, kiun uzos kune la strata kaj fervoja trafikoj, la Fehmarn-Sund kaj kondukos tuj poste 13 km trans Fehmarn (insulo) al Puttgarden. En Puttgarden kaj Rødby Havn devas esti konstruotaj la necesaj havenestablaĵoj. Sur la dana teritorio enkludas la laboroj la konstruon de la nova fervojlinio Rødby Havn—Nykøbing Falster.

La interstacioj de tiu linio estas aŭtomatigataj kaj telegvidataj. La konstruo de la ponto trans la Fehmarn-Sund komenciĝis en majo. Kaze ke la laboroj kiel planitaj antaŭenris, devus la ,,birdfluglinio" dum la printempo 1963 esti funkcipreta. La trajektdistanco malpliiĝas pro tio de 69 km al 18,5 km.

*El SBB-Nachrichtenblatt*

Tradukis K.G.



## EL GAZETOJ KAJ SENDITAĴOJ

### Aŭtomata Gvidilo

En Italio oni aplikas la plej lastan inventon de la tekniko por kontentigi la vojaĝantojn.
Trajnoj veturantaj sur la plej gravaj linioj, estas flanke de la Trafika Departemento ekipita per aŭtomata vojaĝgvidilo. La plej granda avantaĝo de tiu ,,Robotgvidanto" estas ke ĝi tage kaj nokte estas servopreta.
Ĝi neniam perdas sian bonan humoron kaj parolas — se necese — dum horoj. Post kiam la aŭtomata gvidilo, kiu troviĝas en ,,pleksivitra" skatolo je grandeco de ŝuskatolo, estas ŝtreĉita, ĝi rakontas en du lingvoj, dum preskaŭ 6000 km-a vojaĝo, kie kaj kiam la vagonaro haltas, kiujn sciindaĵojn oni povas vidi el ekster la kupeo, kaj kio estas ilia historio. Dek minutojn antaŭ la alveno en grandaj stacidomoj ĝi avertas la pasaĝerojn. Kiu deziras tion, povas — kontraŭ ekstra pago — esti vekata de la neniam kontraŭdiranta gvidilo.

*(El ,,De Uitkijk" de aŭgusto '60)*

**Lokomotivo bredita per motorbiciklo**

La itala lokomotivisto Carlo Asia pruvis ke li ne igas sin venki de obstina lokomotivo, kvankam li devis uzi por tio motorbiciklon. Asia estis en Perugia kiam lia lokomotivo subite salte antaŭeniĝis, pro kio la maŝinisto falis sur la kajon. Asia momente postrigardis la forrapidantan maŝinon; kuris tiam al la staciestro, kiu tuj fermigis la vojbarilojn, kaj ekmanipulis relŝanĝilojn, por ke la lokomotivo senĝene povu daŭrigi la veturon.
Asia dume prunteprenis motorbiciklon kaj rapidis al Montebello — ok kilometra distanco — kie li alvenis antaŭ la lokomotivo.
Li starigis sin tiel, ke li povis grimpi sur la lokomotivon.
Surmetinte la biciklon, li reveturis al Perugia, kie li entiuziasme estis akceptata.

*(El „De Rotterdammer" de julio '60)*

**La voĉo de Ameriko**

La „Voĉo de Ameriko" decidis dissendi 30-minutajn radio-programojn pri la usonaj elektoj la 21-an kaj 28-an de oktobro kaj la 4-an de novembro. La elektoj okazos la 8-an de novembro. La radio-programoj enhavos informojn, intervjuojn kaj respondojn al demandoj ricevitaj el multaj landoj.
Ĉiu programo estos disaŭdigata kvarfoje por atingi diversajn partojn de la mondo: unufoje por Orienta Azio, unufoje por Sudorienta Azio, unufoje por Eŭropo kaj apudaj regionoj de Azio kaj Afriko kaj unufoje por Sudameriko.
La rezultoj de la antaŭaj radioprogramoj de la Voĉo de Ameriko en Esperanto estis kuraĝigaj. Ĝis la 25-a de julio proksimue 950 leteroj el 65 landoj estas ricevitaj.
Ricevraportoj kaj opiniesprimoj pri la enhavo estu adresataj al D-ro William Solzbacher, Voice of America, Room 2528, HEW, Washington 25, D.C., Usono.




Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando